# Etnismo




N-RO 17 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 23.12.77



La sameoj havas vastajn terenojn kaj plurajn lernejojn, sed ... (p. 15 - 2o)

**nt naš tednik**

La konstitucia tribunalo de Aŭstrio favore verdiktas pri plendo de sloveno kontraŭ polica procedado okaze de manifestacio. (paĝo 11)



La dan-etna deputito en la parlamento de Kiel (FRG) postulas efektivan samrajtecon de sia etna grupo en financaj rilatoj de la lerneja sistemo. (paĝo 2)

**egin**

(paĝo 1o)

Ĉi-jare aperis la du unuaj ĵurnaloj eŭsker- kaj kastili-lingvaj.

**DEIA**




Iuj laŭdegas la etno-politikon de Rumanio, ĉar tie, jes ja, ekzistas radioprogramoj, ĵurnaloj kaj lernejoj en la madjara, germana kaj aliaj minoritataj lingvoj, sed ... (paĝoj 3 - 9)

**צייטשריפט**

פונעם רומענישן רעליגיעזן יידנטום

★ בוקורעשט 1.4.1974 דערשיינט צוויי מאָל אין חודש ★

KROME ĈI-NUMERE: germanoj en Belgio; Katalunio rehavas prezidenton; platdiĉe en gimnazio; Ĉarto de la Rajtoj de la Etnaj Minoritatoj (paĝoj 21/22).

# KONCIZE EL.....

**LIONO.** La 5-an kaj 6-an de novembro 1977 kunsidis ĉi tie la estraro de la Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK). Partoprenis la tri vicprezidantoj Goyeneche (vasko), Pahor (sloveno) kaj Vanly (kurdo), la ĝenerala sekretario Costa i Roca (kataluno), Veiter (germanlingva aŭstro), Déprez (franco), Coisson (anstataŭante la teritorian sekretarion de Italio) kaj Moritz (teritoria sekretario de FR Germanio). Inter la decidoj elstaras la sekvantaj: (1) AIDMLK ekde 1978 eldonos, eksperimente, bulteneton plurlingvan. (2) La "Ĉarto de la Rajtoj de la Etnaj Minoritatoj" (kp. p. 21/22) estos publikigita en la angla, franca kaj germana lingvoj. (3) La Asocio intervenos ĉe la kompetentaj instancoj de la Franca Respubliko proteste kontraŭ malhelpo de starigo de privata eŭskerlingva unuagrada lernejo, kaj ĉe tiuj de Usono por eviti fermiĝon de kastililingva kolegio de meksikianoj en Mount Angel. (4) La sekvanta kongreso de AIDMLK okazos probable de la 22-a ĝis la 25-a de julio 1978 en Barcelono. - La diskutoj evoluis en etoso de serioza kunlaboremo.

**EUPEN.** La 21-an de novembro 1977 la Konsilantaro de la Germana Kulturkomunumo, la oficiala institucio por protektado de la germanlingva kulturo de la orientbelgaj kantonoj, vaste diskutis kaj unuanime akceptis rezolucion direktitan al la kompetentaj tutŝtataj instancoj de Belgio, per kiu la Konsilantaro postulas esencan modifon de siaj propraj kompetentecoj: Dum la Franca kaj la Nederlanda Kultur-Konsilantaroj, en Valonio respektive Flandrio, havas leĝdonan povon en la kampo de kulturo, la Konsilantaro de Eupen havas nur la rajton p r o p o n i leĝojn tiurilatajn al la centraj instancoj.

**KIEL.** Laŭ raporto de la monata bulteno "Kontakt" (novembro 1977, p. 7/8) de la "Dana Ĝenerala Sekretariato" (privata institucio de la dana minoritato en plej norda FRG), la deputito K. O. Meyer (Sudŝlesvigia Balot-Unuiĝo) interalie postulis plialtigi la subvenciojn el la provinca buĝeto por la danaj lernejoj kaj kulturaj aktivecoj de nun 8o aŭ 85 % al 1oo %. Meyer kontraŭdiris la opinion de la kristandemokrata ĉefministro Stoltenberg ("La subvencioj estas adekvataj.") per la atentigo pri tio ke efektiva samrajteco de la kulturoj estos atingita nur, kiam la ŝtato komplete pagos la instruadon ankaŭ en tiuj danaj lernejoj. - Tiu sola deputito de etna minoritato en FRG reprezentas ankaŭ pli-malpli la ĝeneralajn interesojn de la nord-frisoj vivantaj same en la provinco de Ŝlesvigio-Holstinio.



La ĉi-apuda foto montras la deputiton Meyer kaj ĉefministron Stoltenberg kun eventuale ne tute sinceraj ridetoj ...

**KOPENHAGO.** Aperis la 3-a numero de "INFORMATION", bulteno tre simple multobligita de la Federacia Unuiĝo de Eŭropaj Etnaj Minoritatoj (FUEEM). La unua artikolo estas en valona dialekto (kun traduko en la angla) kaj protestas kontraŭ la ideo ke la franca lingvo estas la libere elektita de la valonoj kultura esprimilo. En aliaj artikoletoj, ĉiam dulingvaj, oni informas pri reformo de la frisa alfabeto en Nederlando ekvalidonta en la jaro 198o, pri la starigo de frisa katedro en la universitato de Kiel (FRG) kaj pri absolvo de Filip Warasch, ĉefsekretario de la Konsilantaro de la Karintiaj Slovenoj, de la akuzo pri incito al eksplodigo. Krome estas publicitaj korespondaĵoj inter FUEEM kaj la belga ĉefministro Tindemans koncerne la aŭtonomion de la germanlingvuloj en Belgio. (Adreso de FUEEM: Olav Meinhardt, Ryesgade 62/38, DK-21oo København Ø.)

# ĈU RUMANIO CELAS PLUASIMILADI SIAJN MINORITATOJN?

Post "Anuarul Statistic" de 1966 en Rumanio ne plu estis publikigita statistiko detaliganta la disdividiĝon de la enloĝantaro laŭ etnoj, kaj ŝajnas ke tiu laŭetna statistiko de la jarlibro de 1966 baziĝis eĉ nur sur la rezultoj de popolnombrado efektivigita 10 jarojn antaŭe, en februaro 1956. En junio de la nuna jaro surprize publicitis nova statistiko pri minoritatoj surbaze de la rezultoj de la popolnombrado de la 5-a de januaro 1977. La nombrojn presis inter aliaj la rumana taggazeto "Scînteia" de 14.06.77 kaj la germanlingva taggazeto "Neuer Weg".

Libera deklaro

"Laŭ la dokumentoj de la CK-plenkunsido de la Rumana Komunista Partio de la 14-a de aprilo 1976 kaj laŭ artikolo 4 de la ŝtatkonsilantara dekreto n-ro 145/1976" ĉiuj civitanoj povis libere decidi kaj deklari sin ano de tiu aŭ alia etno "en la spirito de la principa politiko rilate la nacian demandon". La nombristoj estis instrukciitaj "lasi ĉiun personon libere deklari sian etnanecon". El la 21,56 milionoj da enloĝantoj 19 milionoj deklaris sin rumanoj (88 %).




La proksimume 2,5 milionoj da ne-rumanoj dividitas tra pli ol 20 diversaj etnoj.

La ĉi-sekva listo sugestas komparon inter la nombroj de 1977 kaj tiuj de 1956 (kiuj ne estas tute detalaj nek absolute kompletaj).

| etno | 1977 | 1956 |
|---|---|---|
| rumanoj | 19.001.721 | 14.996.000 |
| aromunoj | 644 | --- |
| makedoni-rumanoj* | 1.179 | --- |
| madjaroj | 1.705.810 | 1.588.000 |
| sekeloj** | 1.064 | --- |
| germanoj | 348.444 | 385.000 |
| saksoj*** | 5.930 | --- |
| ŝvaboj*** | 4.358 | --- |
| ciganoj | 229.986 | --- |
| ukrajnanoj | 54.429 | 60.000 |
| rutenoj**** | 988 | --- |
| serboj | 34.034 | 46.500 ("sudslavoj") |
| kroatoj | 7.617 | --- |
| slovenoj | 707 | --- |
| rusoj | 20.653 | --- |
| lipovanoj***** | 11.494 | --- |
| judoj | 25.686 | --- |
| tataroj | 23.107 | 20.000 |
| slovakoj | 22.037 | 23.000 |
| turkoj | 23.303 | 14.000 |
| bulgaroj | 10.467 | 12.000 |
| ĉeĥoj | 7.756 | 12.000 |
| grekoj | 6.607 | 11.000 |
| poloj | 4.756 | 7.600 |
| armenoj | 2.436 | 6.400 |
| aliaj etnoj | 4.141 | 182.000 |
| sen deklaro | 62 | --- |

* Ankoraŭ, pro nepublikigo de regionaj rezultoj, ne direblas ĉu temas ankaŭ pri meglenitoj.
** Branĉo de la madjaroj, precipe en orienta Transilvanio; la iama Aŭtonoma Madjara Regiono ĉirkaŭ Tîrgu Mureş estas la centro de la sekeloj.
*** Oni nomis/-as la germanojn en Rumanio saksoj respektive ŝvaboj, kvankam nur malmultaj el ili fakte originis en tiuj germanaj triboj.
**** Kontraŭe al la rutenoj de Jugoslavio ŝajnas ke la rumaniaj rutenoj ne evoluigis apartan lingvon nek apartan kulturon, esence diferencajn de la ukrajnaj.
***** Rusa sekto.

Rigardante la 20 jarojn pli malnovan statistikon nin surprizas la diferencigo en 1977, ĉar en 1956 ekzistis nur 14 kategorioj anstataŭ la nunaj 26. Tiam la nombro sub "aliaj etnoj" - jes ja - estis multege pli granda, sed ne ekzistis la stranga, artefarita dissplitado de pluraj etnaj grupoj, parte signita ĉi-supre per asteriskoj.

## Ĉu malfortigo per dissplitado?

Unuan fojon en la ĉi-jara nombrado oni demandis la germanojn: "Ĉu vi estas germano aŭ sakso aŭ ŝvabo?" Similan fonon havas la partiestrara decido koncerne la demandon al madjaroj: "Ĉu vi estas madjaro aŭ sekelo?" Deklaro pri sekeleco estus ege favorinta la rumanajn dezirojn: "Kreo" de aparta sekela etno estus draste malaltiginta la nombron de la madjara etna ento. La fakto ke el pli ol 600.000 sekeloj nur 1.064 deklaris sin tiaj (dum 99,8 % insistis pri sia madjareco en la senco de la efektiva etna unuo), estas konsiderenda kiel malvenko de la kontraŭmadjara etnopolitiko de Bukareŝto. Ĉi tia dissplitado estis farita ankaŭ inter ukrajnanoj kaj rusoj, kiuj trovas nun apud si rutenojn kaj lipovanojn. Sed eĉ la rumanoj mem dissplitiĝis: La statistiko mencias, apud la rumanoj, la makedoni-rumanojn (kaj la aromunojn). Tamen, la esenca diferenco estas ke subtraho de kelkaj miloj da aromunoj, makedoni-rumanoj kaj eventuale meglenitoj el la 19 milionoj da rumanoj kaŭzus neniajn kulturpolitikajn malavantaĝojn al la rumana etno, dum subtraho de triono de la madjaroj ja havus evidentajn konsekvencojn!

## La jura situacio

La konstitucio de la 24-a de septembro 1952 jam enkonduke estis deklarinta: "La etnaj minoritatoj de la Rumana Popola Respubliko ĝuas plenan samrajtecon kun la rumana popolo. En la Rumana Popola Respubliko estas garantiata, por la madjara loĝantaro de la sekelaj distriktoj en kiuj ĝi loĝas kompakte, teritoria administra aŭtonomio."

La aktuale valida konstitucio de 1965 de la intertempe nom-ŝanĝinta Socialista Respubliko Rumanio diras en artikolo 22 (simile kiel leĝiĝis en artikolo 82 de la konstitucio de 1952): "En la Socialista Respubliko Rumanio estas certigataj al la kunloĝantaj etnoj la libera uzado de la denaska lingvo same kiel libroj, taggazetoj, revuoj, teatro kaj la ĉiunivela instruado en iliaj propraj lingvoj. En la teritoriaj administraj unuoj, en kiuj krom la rumana loĝantaro vivas ankaŭ enloĝantoj de aliaj etnoj, ĉiuj organoj kaj institucioj parole kaj skribe utiligas ankaŭ la lingvon de la koncernata etno kaj enoficigas funkciulojn el inter ties vicoj aŭ

ПРОЛЕТАРІ ВСІХ КРАЇН, ЄДНАЙТЕСЯ!

НОВИЙ ВІК

ПОЛІТИЧНИЙ ТА ГРОМАДСЬКО-КУЛЬТУРНИЙ ДВОТИЖНЕВИК ДЛЯ УКРАЇНСЬКОГО НАСЕЛЕННЯ СОЦІАЛІСТИЧНОЇ РЕСПУБЛІКИ РУМУНІЇ

ЦІНА 25 БАНІВ

XXVI РІК ВИДАННЯ | № 2 (526) 16 СІЧНЯ 1974 р.

Jen la titolo de ukrajna gazeto el Rumanio.

el inter aliaj civitanoj, kiuj scipovas la lingvon kaj konas la vivkutimojn de la surloka enloĝantaro."

Bedaŭrinde multaj el la rajtoj garantiataj per la menciita artikolo 22 nur surpapere pluekzistas, ĉar la asimilemo de Bukareŝto pli kaj pli apertas. La violenta kunigo de la madjara Bolyai-universitato de Cluj/Kolozsvar/ Klausenburg kaj la samurba rumana Babeş-universitato en 1959 same kiel la nuligo de la Madjara Aŭtonoma Regiono en decembro 1967 (kadre de la restrukturigo de tuta Rumanio) jam antaŭ aro da jaroj klarege montris la asimilismajn tendencojn. La malpermeso de ekzemple germanlingvaj loknomoj - Sibiu anstataŭ Hermannstadt, Cluj/Klausenburg, Braşov/Kronstadt k.a. - kaj la malfondo de turkaj kaj tataraj lernejoj montras la saman kontraŭminoritatan direkton. Oficiale oni parolas nur pri integriĝo en la nova, socialisma nacio. Sed tiu "<u>integriĝo kiel historia destino</u>" estas nenio alia ol <u>perifrazo de la efektive praktikata eksetnigo</u>.

## Madjaroj kaj germanoj

Pri tiuj ĉi plej grandaj minoritatoj de Rumanio ekzistas abunda literaturo (en etnaj lingvoj), kaj ili, same kiel la ukrajnanoj, estas priskribitaj en "Handbuch der Europäischen Volksgruppen"(1), tiel ke ĉi tie sufiĉas malmultaj indikoj.

La madjaroj vivas en la regionoj apartenintaj ĝis 1918 al la regno de la Stefana Krono, t.e. en tri preskaŭ kompaktaj lingvo-insuloj: La plej ampleksa el ili estas la sekela regiono en la akra arko de la Karpatoj; sekvas la madjara regiono en la malaltebenaĵo apud la okcidenta limo de Rumanio; la tria trovatas norde de Cluj.

La germanoj dividitas preskaŭ poduone inter protestantaj transilvaniaj saksoj kaj katolikaj danubaj ŝvaboj. Ili ankoraŭ disponas pri propraj lernejoj kaj siaetnaj gazetoj, ekz. "Neuer Weg" (t.e. "Nova Vojo") de Bukareŝto kaj "Neue Banater Zeitung" (t.e. "Nova Banata Gazeto") de Timişoara (germane: Temeschburg, madjare: Temesvár) kaj pri aro da revuoj. La nombra malgrandiĝo ŝuldatas al plimultiĝo de elmigrado al FR Germanio.

## Malpli konataj grupoj

En la jam menciita "Handbuch der Europäischen Volksgruppen" la situacio de serboj, kroatoj, slovakoj kaj bulgaroj en Rumanio tutsimple ne estas priskribita "pro manko de prilaboranto", kaj la ceteraj minoritatoj estas notitaj nur bloke en la statistiko, kie certe tro malgrandas la nombroj de la aromunoj kaj de la makedoni-rumanoj. Inter la du mondmilitoj Rumanio akceptis dekmilojn da aromunoj, kiuj ekloĝis plejparte en Dobruĝo, precipe en vilaĝoj ĝis 194o germanaj kiel M. Kogalniceanu (antaŭe: Karamurat). Laŭ la mapo de Saramandu (2) ilia nombro probable estas ĉirkaŭ 2o.ooo. Ankaŭ meglenitoj troveblas kiel elmigrintoj en Dobruĝo, ĉefe en la municipo Cerna en la distrikto Tulcea.

## Turkoj kaj tataroj en Rumanio

Malgraŭ la ampleksa elmigrado al Turkio ankoraŭ nun vivas pli ol 23.ooo turkoj en tiu ĉi ŝtato, kio signifas ke nombro, kompare al 1956, preskaŭ duobliĝis! Ili vivas precipe en Dobruĝo, sed ankaŭ en Bukareŝto, kaj ĝis la starigo de hidroelektra centralo ili loĝis same sur la danuba insulo Ada Kaleh. Jam per la aligo de Dobruĝo al Rumanio en 1878 komenciĝis la elmigrado de turkaj familioj: En la du unuaj jaroj inter 8o.ooo kaj 9o.ooo turkoj (kaj tataroj, kiujn oni ne penis diferencigi) forlasis tiun regionon. Post la balkanaj militoj kaj inter la mondmilitoj la elmigrado daŭris. Nuntempe la rumaniaj turkoj vivas en 28 lokoj (3) ĉirkaŭ Galaţi (turke: Kalas), Sulina (Sülne), Constanţa (Köstence), Tulcea (Tulca) kaj Mangalia (Mangalya). Nur en la vilaĝo Fintina Mare (Başpinar) la turkoj estas majoritato, aliloke ili estas ankaŭ vilaĝ-nivele minoritato; ili estas kutime dulingvaj.

# KIRCHLICHE BLÄTTER

MONATSSCHRIFT DER EVANG. KIRCHE A. B.
IN DER SOZIALISTISCHEN REPUBLIK RUMÄNIEN

2. (40.) Jahrgang/1974 Nummer 8

"EKLEZIAJ FOLIOJ", monata gazeto de la protesta eklezio en la Socialista Respubliko Rumanio:

Kiel en multegaj kazoj - tamen ne en ĉiuj! - la religiaj institucioj ankaŭ en Rumanio kontribuis/-as al la konservado de la etnaj lingvoj.

En 1959 la esploristo J. Nemeth vizitis ankaŭ Cernavodă kaj Tuzla, kaj en 1965 Edward Tryjarski kolektis dialektajn tekstojn, sed la materialo de ambaŭ turkologoj ankoraŭ ne estas publicita. Tiel, en 1966, dum la 11-a Turka Kongreso de Lingvistiko en Ankaro, Vl. Drimba enkonduke al sia referaĵo pri "La distribuiĝo de la turkaj dialektoj en Dobruĝo" devis konstati: "La turkaj dialektoj de Dobruĝo (Socialista Respubliko Rumanio) restis ĝis nun preskaŭ komplete nekonataj al la specialistoj; ili formas veran 'blankan makulon' en la turka dialektologio."

Pri la tataroj, kies nombro preskaŭ ne variis kompare al 1956, bonvolu kompari ETNISMO-n, n-ron 12, p. 5 (4).

## Serboj kaj kroatoj

La serboj de Banato - kiel "sudslavoj" - ĉiam estis unu el la agnoskitaj "kunvivantaj etnoj" de Rumanio. Ili estas ortodoksaj kaj havas serb-ortodoksan episkopejon en Timişoara, momente vakan. En serba lingvo aperas dufoje jare la literatura revuo "Književni Život". Daŭre ekzistas lernejaj klasoj kun la serba kiel instrulingvo.

Inter la "sudslavoj" estas ankaŭ proksimume 10.000 katolikaj kroatoj dividitaj en kraŝovanojn, ŝokacojn kaj bunjevacojn. Ili vivas inter Reşiţa kaj la limo kaj konservas sian kroatan lingvon precipe en la eklezio. Precizajn informojn oni trovas i.a. en la parohlisto de la katolika eklezio en Jugoslavio de 1975 kaj en la Zagreba eklezia gazeto "Glas koncila", en kies n-ro 16/1977 de la 14-a de aŭgusto legeblas, sub la titolo "Oni volis nin madjarigi, germanigi, serbigi - ni restas kroatoj.", artikolo pri la katolika vivo en Caraşova/Krasevo, la kroata centro de Banato.

## Ukrajnanoj kaj rusoj

La artikolo pri la rumaniaj ukrajnanoj en "Handbuch der Europäischen Volksgruppen" bedaŭrinde traktas nur la karpatajn ukrajnanojn (kaj huculojn), sed ne tiujn kiuj vivas en aro da vilaĝoj de norda Dobruĝo kaj de la danuba delto depost proksimume 1775. La tiutempaj enmigrintoj malkontentis pri la rusa servuto en suda Ukrajno.

La 20.000 rusoj (en 1928 estis 39.637) depost Petro la Granda diversepoke ekloĝis en Dobruĝo por eskapi religiajn persekutojn en Rusio. Plej ofte ili ankoraŭ nun nomas sin laŭ sia eklezio aŭ sekto: "bezpopovcy" (t.e. "sen-

populoj"), kiuj malakceptas la ordinadon, molokanoj, "subbotniki" (t.e. "sabatuloj") kaj eĉ skopcoj, kiuj ankoraŭ niatempe kastras sin obeante siajn religiajn regulojn.

Slovakoj kaj ĉeĥoj

La nombro de la slovakoj falis ĝis 1956 al 23.000 pro "re-enpatrujigo" - kvazaŭ ili ne estus naskitaj en sia loĝregiono - kaj konservatas preskaŭ senŝanĝa. Ili vivas precipe en Banato, kie alvenis iliaj praulоj kun koloniantoj el aliaj etnoj dum la 18-a jarcento. Lastatempe la slovaka etnologia revuo "Slovenský narodopis" plurfoje raportis pri tiu ĉi etna grupo.

Per kvar etnologiaj ekspedicioj de la Ĉeĥa Akademio de Sciencoj en 1961 - 1964 la ĉeĥaj kolonioj en la rumania Banato estis prezentitaj inter la sciencistaro. Temas ĉefe pri 7 municipoj norde de la danuba penetrejo: Helena/Sf. Elena, Gernik/Gîrnic, Biger/Bigăr, Rovensko/Ravenskă, Šumice/Şumiţe, Ejbenthal/Eibenthal kaj Ujânnie/Baia Nouă. (5)

Poloj

La enkorpigo de Bukovino post la unua mondmilito en Rumanion kaŭzis plinombriĝon de la malgranda pola minoritato en tiu ĉi lando. Aŭstrio estis akirinta Bukovinon en 1775, kiu estis aparteninta al la pola krono ekde Kazimiro la Granda. En la aŭstria epoko la poloj estis ĝuintaj grandan apogon kaj organiziĝis en diversaj asocioj. Post 1919 multaj poloj elmigris. Tamen en 1925 registriĝis ankoraŭ 2.826 polaj lernejanoj prizorgataj de la Pola Lerneja Asocio. Post la transpreno de norda Bukovino (ĉefurbo: Ĉernovco) fare de Sovetunio, en suda Bukovino (SR Rumanio) ekzistis, en 1967, ankoraŭ pli ol 4.000 poloj, kiel mencias la "Historio de la poloj en Bukovino" (volumo 38 de la "Historiaj Studoj" de la universitato de Krakovo).

Bulgaroj

Dum Rumanio inter la mondmilitoj ankoraŭ enhavis centmilojn da bulgaroj, ilia nombro falegis pro la aneksiĝo de Besarabio kaj suda Dobruĝo al Sovetunio respektive Bulgario kaj pro la bulgar-rumana interŝanĝo de dobruĝanoj. Preskaŭ ĉiuj rumaniaj bulgaroj nun loĝas en Banato (Besenov, Vinga, Brestea, Telepa kaj Denta), kien estis venintaj katolikaj bulgaroj depost 1738. En Timişoara aperadis ĝis 1940 "Banata Bulgara Kalendaro", kaj en 1938 estis eldonitaj pluraj verkoj omaĝe al la 200-jariĝo de la bulgara koloniado.

Ceteraj grupoj

Rimarkinda estas la malpliiĝo de la judoj. La duonmonata "Revista Cultului Mozaic" publicas rumanlingvajn kaj jidajn artikolojn, kaj la bukareŝta eldonejo "Kriterion" publikigas ankoraŭ jidajn librojn.

Supozeble la nombro de armenoj estas efektive pli alta ol montras la statistiko, ĉar la armena diocezo de Rumanio ampleksas 30.000 adeptojn. La urbo Gherla (norde de Cluj) havis iam tiel grandan armenan kolonion ke, sub la aŭstri-hungara regado, oni nomis "Armenopolis" tiun urbon.

## K o n k l u d e

Bedaŭrinde la asimilado-politiko de Bukareŝto sisteme progresas, kion manifestas la malaperado de minoritataj lernejoj kaj la malpermeso de loknomoj en alia ol rumana lingvo. Kion konstatas la konata fakulo pri sudorienta Eŭropo Hans Hartl de la munkena "Südostinstitut" koncerne la situacion de la germana minoritato, same validas rilate la aliajn etnojn:

"Kio iam mondskale estiĝu sub la kondiĉoj de komunisma ordo - la kunfandiĝo de ĉiuj etnoj en 'supera unuo' - tio hodiaŭ eksperimentatas en la socialis-

maj naciaj ŝtatoj, ankaŭ en Rumanio, en malpli vasta skalo. La estonto de la germana minoritato en Rumanio estas skizita en la dialektiko de la bukareŝta etnopolitiko: Ĝi solviĝu en la 'supera unuo' de la rumana majoritato kaj tiel plenumiĝu ĝia historia destino."


<u>Bibliografiaj notoj</u>

(1) Manfred Straka (redaktinto): Handbuch der Europäischen Volksgruppen; Braumüller, Wien/Stuttgart, 197o (volumo 8 de la serio "Ethnos");

(2) N. Saramandu: Cercetari asupra Aromanei vorbiţe in Dobrogea; Bukareŝto, 1972;

(3) Vl. Drimba en "Acta Orientalia Acad.Scient.Hung.", XIII (1);

(4) Vidu ankaŭ: R. Grulich: Etnaj problemoj en sud-orienta Eŭropo; Stolberg, 1976, p. 7;

(5) S. Utesený en "Etudes Balkaniques tchécho-slovaques", vol. 2, kaj en "Česky Lid", 1962 - 1964.





REVISTA CULTULUI MOZAIC

Apare bilunar

Anul XIX • NISAN 5734 • 12 pagini, 1 leu

REDACŢIA ŞI ADMINISTRAŢIA: BUCUREŞTI, STR. SF. VINERI 9 – TELEFON 15.50.90

Jen la titolo de la juda gazeto kiu publicas rumanlingvajn kaj jidajn artikolojn.

La titolpaĝo de tiu ĉi ETNISMO montras la hebreliteran internan titolon de la sama gazeto.

Aŭtoro de la artikolo kaj liverinto de la gazet-kapoj:

R u d o l f   G r u l i c h

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

## KIOM KREDINDAS STATISTIKAĴOJ?

Constantin Michael-Titus, AIDMLK-sekretario por Grandbritio, prezentis al la kongresanoj en Châtillon, Aosta Valo, en julio 1976, ekstrakton de statistikaĵoj koncerne Rumanion, kiuj postlasis ĉe la legantoj pli pozitivan impreson ol la ĉi-supra artikolo de Grulich:

El 13.289 elementaj lernejoj (kun 77o.o16 lernantoj kaj 31.743 instruistoj) 1.o83 lernejoj (52.785 / 2.1o4) estas madjarlingvaj, 336 lernejoj (16.o67 / 615) estas germanlingvaj, 2o lernejoj (7o1 / 25) estas serblingvaj kaj en 26 lernejoj kun 1.o68 lernantoj 37 instruistoj klopodas klerigi la infanojn en diversaj minoritataj lingvoj. Ĉi ĉiuj nombroj rilatas la lernojaron 1974/75. - La aliaj informoj (pri nerumanaj municipaj kaj distriktaj konsilantaranoj, pri radio- kaj televidoprogramoj, lernolibroj ktp.) estas simile optimismigaj. Sed kritikeme ni devas demandi nin pri la valoro de tiuj unumomentaj nombroj: <u>Kia estas la evoluo?</u>

Legantoj, bonvolu kompletigi la bildon pri la situacio de la etnaj minoritatoj en Rumanio (kaj aliaj ŝtatoj) per ĉiaj informoj!

ujm

# VASKAJ ĴURNALOJ

Normaligo de lingvouzo certe signifas utiligon en amaskomunikiloj. La eŭskera lingvo jes ja uzatis en semajnaj kaj monataj periodaĵoj, ne en ĵurnaloj. Fine, la 8-an de junio 1977 aperis n-ro 1 de "DEIA" (= voko) kaj la 29-an de septembro 1977 ekis "EGIN" (= agi).

Ambaŭ ĵurnaloj estas principe du-lingvaj, t.e. kastili- kaj eŭskerlingvaj, kontraŭe al la strikte unulingva kataluna ĵurnalo "AVUI". Estas konstatende, almenaŭ surbaze de la ĉe ni disponeblaj numeroj, ke la granda plimulto de artikoloj kaj ekonomiaj anoncoj estas kastiliaj, en ambaŭ eldonaĵoj. "EGIN" iom strange miksas la lingvojn: Jen titolo eŭskera kun artikolo kastilia, jen inverse, jen dulingva titolo, jen dulingva artikolo. La principo de dulingvismo de ambaŭ ĵurnaloj estas komprenebla surbaze de la situacio lingva en Vaskio: Eĉ en la eŭskerismaj provincoj Gipusko kaj Biskajo vivas multaj ne-eŭskeroj kaj multaj kiuj ja parolas, sed ne scipovas legi la eŭskeran.

La eltranĉaĵoj montras ekzemplojn de artikoletoj pri politikaj eventoj.

## DEIA

GURE LURRAREN DEIA

### Kissinger-en adierazpenak

Agentziak - Washington

Henry Kissinger Estatu Batuetako kanpoko arazoetako idazkari-ohiak azaldu zuen Europako alderdi komunistek gobernuetan parte hartzen badute, OTAN orduan aleman-iparramerikar aliantza bihurtu litzateke.

**Italia eta eurokomunismo** gaiari buruzko hitzaldi batean, Kissinger-ek argi utzi zuen Italiaz gainera Frantzia ere gogoan zuela, zeren azken honek datorren urteko martxoan egingo ditu parlamenturako hauteskunde orokorrak eta.

Alderdi komunisten esku hartze adierazkor batek, Europan egiten ari garan gure zabalketari kalte haundia egingo lioke, adierazi zuen.

Carter lehendakariaren gobernuari egindako kritika batean, esan zuen Kissinger-ek **komunist irabazpena zihur hartzen duguneko itxura alderatu behar dugu, ez dugu zirrara hori eman behar, komunist gidariekin elkarrikusketak egiten ala badaezpadazko adierazpenaz alegia.**

Carter lehendakariak, joan den ilean argitaraturiko elkarrizketa batean, azaldu zuen Estatu Batuak ez direla nor besteei botoa nola eman behar duten esteko.

Baina Kissinger-ek bere aldetik eratsi zuen Estatu Batuek jarrera argi eta ez hain dudazko bat hartu behar dutela, eta ez zuzpertu idea hori komunistak agintera helduez gero ez litzatekeela gure politikan aldakuntzarik gertatuko alegia.

Frantziako alderdi komunistaren erabakia, proletalgoaren diktaduraren kontzeptuari uko egitekoa, independentziko agerbidetzat eman zuen. Beste aldetik, orain ere Sobiet Batasunaren legedian esaldi hori berbera kendua izango da.

## egin

Amenazan con matar a los 155 pasajeros

### Japongo abioia sekuestratua Armada Gorriko militanteek

*Japongo Armada Gorriko (Sekigun) militanteak, Paristik Tokiora zihoan japoitar airelineateko abioi bat bahitu dute.*

*Komunikatu bat agiriratu dute bahitzaileek, Beiruteko prentsa bulego batetara bidaliz. Bertan, Japongo gartzeletan dauden lagunen liberazioa eskatzen dute.*

*Abioian, 142 pasaiari eta 14 tripulante daude. Japongo Kanpo Arazoetako komunikatu batek dioenez, pasaiarietako zenbaitek gaisorik egon behar du.*

*Edizio hau isteko garaian, Dacako aireportuan aurkitzen da abioia, Balgadeshki hiriburuan alegia, estazionaturik.*

### Euskadi Norte: Las ikastolas amenazadas

Frantses administrazioak Senpereko ikastola debekatu ondotik, beste ikastola guztiak beldur dira. Bestalde, Jazar, EHAS-HASI, EIA, ESEI, ESB eta LAIAk egitate hau gogorki salatu dute.

(31 orrialdean)




# KONSTITUCIA TRIBUNALO: HUMILIGO

Pli kaj pli slovenoj el Karintio apelacias al la aŭstria konstitucia tribunalo, por ke ĝi decidu pri plendoj rilate la minoritatan problemon. La 6-an de oktobro 1977 tiu ĉi tribunalo juĝis prava la plendon de la slovena advokato d-ro Johann Tischler, prezentitan pro okazaĵoj ligitaj al la disputata arestado de 26 slovenoj, la 8-an de aŭgusto 1976, en St. Kanzian/Škocijan. La konstitucia tribunalo konstatis ke la slovena advokato, mem violente arestita, estis damaĝita koncerne la konstitucie garantiatan rajton pri persona libereco kaj koncerne la rajton ne suferi malhumanan aŭ humiligan traktadon. La Federacia Ministerio pri Internaj Aferoj estis deklarita kulpa kaj ŝarĝita pagi, antaŭ la paso de 14 tagoj, la kostojn de la proceso en alteco de 17.928,- aŭstriaj ŝilingoj (proks. 2.5oo,-- gm).

Ankoraŭ ne okazis tiutribunala decido pri la aparta plendo de la ceteraj arestitoj.

## KIO ESTIS OKAZINTA?

La Karintia Asocio de Defendintoj (KAD; germane: Kärntner Abwehrkämpferbund) estis inaŭguronta, la 8-an de aŭgusto 1976 en St. Kanzian/Škocijan, monumenton. Slovenaj gejunuloj, kiuj intencis observi la aferon kaj disdonis flugfoliojn kaj estis malvolvantaj sloganrubandon ekster la kunvenejo, estis violente forpuŝitaj fare de la polico, kiu mane kaj piede batis iujn, ŝiris alian ĉe la hararo, forkondukis aliajn en mankatenoj. La plimulto de la arestitoj "provokis" la policon tamen nur per tio ke oni konis ilin kiel slovenojn. La ĉi-supra foto dokumentas eron de la scenaro de tiu 8-a de aŭgusto 1976.




Ĉu decas por polico de demokratia ŝtato kapti kaj forkonduki individuajn, kompreneble nearmitajn manifestaciantojn kiel buĉotajn bestojn?

En St. Kanzian/Škocijan estis arestitaj 11 personoj. Aliajn 15, inter ili d-ron Tischler, la polico arestis poste en Kühnsdorf/Sinĉa vas, kie ili estis atendantaj la unue malliberigitajn slovenojn. La konstitucia tribunalo eksplicite atestas ke d-ro Tischler estis, fare de policistoj, perforte kaptita, ŝirita ĉe la pantalono, rapide puŝita kaj violente ŝovita en ĉambron, do: malhumane aŭ humilige traktita.

Ankoraŭ la 1-an de aŭgusto 1977 la kompetenta prokuroro en Klagenfurt/Celovec estis rifuzinta malfermi proceson kontraŭ la - nome nekonataj - policistoj akuzitaj fare de d-ro Tischler!

"Narodni svet koroskih Slovencev" (Konsilantaro de la Karintiaj Slovenoj) komentis la verdikton per apenaŭ kaŝita entuziasmo, ĉar la plej alta tribunalo tiel apogas la oftajn riproĉojn de la slovenoj kontraŭ la federaciaj kaj provincaj paŝoj.

(Laŭ la germanlingva preskomuniko de "nas tednik", 55/77 (164) de o7.12.1977; foto prenita el la aldonaĵo de "nt"-komuniko 48/76 (82).)

Any 2 - Número 463
Preu: 15 ptes
2.5 NF (prov)35 Pence
Sobrepreu d'1 pesseta per transport urgent a Alacant, Balears, Madrid, Saragossa i València.
Edita: Premsa Catalana, S. A. Barcelona
Director: Jordi Maluquer i Bonet

# AVUI

Redacció i Administració
Diputació, 284
Barcelona - 9
Telèfon 301 00 54
(Barcelona 93)
Tèlex: 54063
Tallers:
Editorial Mencheta, S. A.
Roger de Llúria, 35
Barcelona - 9
D. L. B. 20.249 - 1976



Dimarts, 25 d'octubre del 1977

**GENERALITAT**

# Comencem a governar-nos

## Després de l'arribada triomfal del president, ahir hi hagué l'acte oficial de presa de possessió



# KATALUNIO REHAVAS (PROVIZORAN) REGISTARON!

La 5-an de decembro 1977 la prezidento de la (provizora) GENERALITAT de Katalunio, Josep Tarradellas, subskribis la dekreton por enoficigi la 12 membrojn de la Ekzekutiva Konsilantaro:

Joan Reventós i Carner (Socialista Partio de Katalunio, SPK); Josep Maria Triginer (Kataluna Socialista Federacio aliĝinta al la PSOE); Jordi Pujol i Soley (Demokratia Konverĝo de Katalunio, DKK); Antoni Gutiérrez i Diaz (Unuigita Socialista Partio de Katalunio, USPK /komunista/); Carles Sentís Anfruns (Unuiĝo de la Demokratia Centro); Frederic Rahola d'Espona (senpartia, plejkonfidenculo de Tarradellas), Konsilanto pri Internaj Aferoj; Joan Josep Folchi i Bonafonte (UDC), Kons. pri Ekonomio kaj Financoj; Pere Pi-Sunyer (Demokratia Maldekstro de Katalunio, DMK), Kons. pri Instruado kaj Kulturo; Ramon Espasa i Oliver (USPK), Kons. pri Saneco kaj Sociala Helpo; Narcís Serra i Serra (SPK), Kons. pri Teritoria Politiko kaj Publikaj Laboroj; Josep Roig i Magrinya (Respublika Maldekstro de Katalunio, RMK), Kons. pri Agrikulturo kaj Bestobredado; Joan Codina i Torres (Unuiĝo Ĝenerala de Laboristoj, UĜL /socialista sindikato/), Kons. pri Laboro.



## ‹NI KOMENCAS REGI NIN.›

Jen du emoci-plenaj momentoj de la aktualo en Katalunio:
Post kiam la ĉefministro de Hispanio Suárez estis instalinta la "honorindan sinjoron" Josep Tarradellas kiel prezidenton de la GENERALITAT (ĉi-apude), tiu ĉi direktis, de la balkono de la sidejo de la aŭtonoma registaro, al la amasego da civitanoj sian unuan paroladon en la nova funkcio.
1 - Tarradellas, 2 - Rahola, 3 - Reventós, 4 - Gutiérrez, 5 - López Raimundo, 6 - Cañellas, 7 - Portabella, 8 - la edzino de Tarradellas, 9 - Pujol, 10 - Verde Aldea, 11 - Suárez, 12 - Jiménez de Parga, 13 - Martín Villa.
Tiuj ceremonioj okazis lundon, la 24-an de oktobro 1977 en Barcelono.

# LA PLATDIĈA-GIMNAZIE

En la "Dietrich-Bonhoeffer-Gimnazio" de Ahlhorn (3o km sude de Oldenburg, FRG) ekzistas studgrupo de pli ol 2o gelernantoj pri la platdiĉa lingvo. Ĉi tiun jaron ĝi jam sin prezentis al vasta publiko en pluraj okazoj, i.a. en printempo dum vespera kalejdoskopo pri la Norda Maro. Ilia instruisto, Heinz Edzards, geografo, gvidis la preparojn sub tema kaj lingva vidpunktoj. La invitilo - komplete en platdiĉa - akcentas ke tiu lingvo servu kiel tute normala esprimilo de ĉiutagaj informoj. Dum tiu vespero grupetoj klarigis, en la platdiĉa, la diversajn aspektojn de la Norda Maro kaj de la homa vivo apudmara, akompane de pluraj maposkizoj kaj bonegaj koloraj bildoj. Kompetentulo el la universitato de Oldenburg estis tre pozitive surprizita pro la kvalito de la prezentaĵo. - Jen parto el la invito kun traduko en la Internacia Lingvo:



Edzards kun siaj platdiĉetoj

„Leeve plattdütsch Frünnen! Wi glöwt, dat ward mal wedder Tiet, dat wi'n Fierabend tosam beläwt ... Wat wi Jo bringen willt? Wi hefft dacht, dat een Abend nich blot denn Pleseer verspräken deit, wenn man all Oogenblicke luthals lachen mutt .. Wi meent, dat use plattdütsch Spraak ok 'ne Alldagsspraak is, in de wi eenfach, nochtern un wahrraftig van Land un Lüe vertellen könt. So sünd wi dotiet in'n Sommer awereen kamen, Jo wat van de Nordsee, van't Wattermeer, van de Eilands un van de Freesen to vertellen. Väle Maanden hefft wi mit't Utklamüstern, Studeern un Öwen tobrocht. Wi hefft ok väle bunte Biller darto praat. De köönt Ji up twee grote Lienwännen ankieken ..."

"Karaj platdiĉaj amikoj! Ni kredas ke denove estas tempo ke ni pasigu liberan vesperon kune. ... Kion ni volas prezenti al vi? Ni pensis ke vespero promesas plezuron ne nur, se oni devas ĉiumomente plengorĝe ridi. ... Ni opinias ke nia platdiĉa lingvo estas ankaŭ ĉiutaga lingvo, en kiu ni povas rakonti simple, sobre kaj aŭtentike pri la lando kaj /ĝiaj/ homoj. Tiel ni tiam somere interkonsentis rakonti al vi ion pri la Norda Maro, pri la marvadejo, pri la insuloj kaj pri la frisoj. Multajn monatojn ni pasigis per eksperimentado, studado kaj provado. Ni havas ankaŭ multajn bildojn pri tio je dispono. Ĉi tiujn vi povas rigardi sur du grandaj ekranoj ..."

(Raporto laŭ kaj foto/teksto el "Nordwest-Heimat", aldonaĵo de "Nordwest-Zeitung", Oldenburg, o9.o4.77)

# VORTARO DE LA LITERATUR-PLATDIĈA

La Instituto pri Platdiĉa Lingvo (IPL), fondita en 1972 en Bremeno, havas ambician,projekton de eksterordinara graveco por la evoluo de tiu lingvo en la direkto al plenkapabla esprimilo. Ĉi-printempe komputero komencis trafosi radiotekstojn de 16 aŭtoroj, glosarojn de 3oo libroj aperintaj post 1945. Oni elektis ekstreme vastan geografian bazon por ke eblu kunmeti vortaron de proksimume 7.ooo titolvortoj uzataj en la plej granda parto de Platdiĉio. Tiel oni esperas kontribui al certagrada orientado de la platdiĉoj laŭ komuna lingvaĵo-fundamento. La verko, kun enkonduko en la gramatikon, aperu post proksimume du jaroj.

La adreso de IPL estas: Institut für niederdeutsche Sprache, Schnoor 41, D - 28oo Bremen 1. (Fonto: "Nordwest-Heimat", 12.11.77, Oldenburg.)

# SAMEOJ – POPOLO EN KVAR ŜTATOJ




"La sameoj jam delonge vivas en Svedio," tiel skribas la Sveda Instituto en la germanlingva informilo pri Svedio. Nu, la sameoj jam vivis en vastaj regionoj de la nunaj Svedio, Norvegio, Suomio kaj Sovetunio, kiam ekzistis nek rusa nek suoma nek norvega nek sveda ŝtato! Kiam en Skandinavio videblis nur malgrandaj reĝlandoj, la sudaj najbaroj de la sameoj jam delonge faris komercajn kaj rabo-ekspediciojn kaj vojaĝojn por enkasigi "impostojn" en la regionojn de la sameoj. La precipa celo de tiaj ekspedicioj estis akiro de la valoraj feloj de bestoj kaptitaj fare de la sameoj.

La islanda mezepoka sageo pri la poeto Egill rakontas pri tia vojaĝo en la 9-a jarcento interalie jenon: "Thórólfr faris sian vojaĝon supren en la montojn kun granda anaro, ne malpli ol 90 viroj, /.../ li kunportis multajn komercaĵojn. Li faris baldaŭ renkonton kun la sameoj, alprenis al si imposton kaj komercis kun ili /.../ Thórólfr iris plue tra la arbarolando; kaj kiam li strebis al la oriento de la montaro, li eksciis, ke Kylvingar /t.e. verŝajne suomoj, DW/ estis venantaj el la oriento kaj komercis kun la sameoj, kaj kelkparte ankaŭ rabis." Thórólfr poste sekvis ilin kaj mortigis proksimume 100 virojn kaj havigis al si grandegan kapitalon. Parton de la akiritaĵoj kaj la impostojn li transdonis al la norvega reĝo. Tiel la sameoj estis viktimoj de ĉiuj pli sudaj, pli bone organizitaj regn(et)oj, kiuj kelkfoje interbatalis pri la rajto ekspluati la sameojn! Kelkakaze la sameoj devis pagi impostojn samtempe al tri regnoj.

Ioma pliboniĝo ekestis kiam post malpaco Svedio kaj Ruslando, en 1596, decidis pri sia landlimo kaj kiam, en 1751, Svedio kaj la tiama dan-norvega reĝlando interkonsentis pri definita limo. De tiam la sameoj sciis almenaŭ, kiuj estis iliaj mastroj. Sed alia danĝero minacis ilin: La pli fekundaj marbordaj regionoj, la bonaj fiŝlagoj kaj riveroj kaj la arbaro allogis koloniantojn. La sameoj - origine fiŝistoj kaj ĉasistoj - estis forpelitaj el siaj plej taŭgaj vivregionoj. Tamen, per akcelado de sia jam intensigita bredado de boacoj ili sukcesis postvivi en regionoj malpli amikaj al la homo. Per tio la sameoj plinomadiĝis, kaj nur la skoltsameoj, en la limregiono de Suomio kaj Sovetunio povis konservi sian originan vivmanieron ĝis nia tempo.

La granda sveda sciencisto Linnê, farinte vojaĝon en la nordon de Svedio, rimarkigis interalie: "La fiŝistoj, kiujn mi renkontis, kampadis ses aŭ ok mejlojn /1 sveda mejlo = 1o km, DW/ supre de Lycksele /.../ Estas mirinde kiel ili ebligis forpeli la sameojn aŭ havi liberecon kapti fiŝojn tie supre /.../ sen doni minimuman imposton /.../ aŭ doni lupagon al la sameoj, kiuj ja pagas imposton pri sia lando. Ili /la sameoj, DW/ plendas ke oni traktas ilin arbitre sen ke ili riskas malfermi la buŝon /.../ Mi demandis kial ili ne plendas. Ili respondis: 'Ho, ni ne povas vojaĝi al la aŭtoritatoj, ili traktas nin arbitre /.../"

Hodiaŭ oni kalkulas proksimume 35.ooo sameojn, el kiuj 2o.ooo vivas en Norvegio, 1o.ooo en Svedio, 3.ooo en Suomio kaj 2.ooo en Sovetunio. Iliaj regionoj estas certagrade ŝirmitaj nun, sed komercaj interesoj endanĝerigas iliajn lastajn rifuĝejojn per konstruo de grandaj artefaritaj lagoj por produkti elektron kaj per malfermo de la regionoj por turisma industrio. Nur parto de la sameoj vivtenas sin per boacbredado, aliaj transiris/-as en la "normalan" laborskemon de la respektivaj ŝtatoj. Tio ĉi kaŭzas alian danĝeron por ili kiel popolo: la perdon de la propra identeco inter/alietnanoj. La valora interligilo - la samea lingvo (apartenanta al la suom-ugraj lingvoj) - ne plu estas parolata de ĉiuj. Ĝi estas dividita en diversajn dialektojn, inter kiuj plej gravas la nordsamea, de la regiono ĉirkaŭ Kautokeino. Tiun dialekton parolas proksimume 75 % de ĉiuj sameoj, kaj oni preferas ĝin kiel skriblingvon.

Lernejojn por la sameoj oni sufiĉe frue, t.e. en la 17-a jarcento, enkondukis por ke la sameoj scipovu legi la biblion kaj estu taŭgaj subuloj. En pli malfrua tempo, ĉirkaŭ 19oo, oni enkondukis pli definitivan instrupolitikon malsame laŭ la ŝtatoj. En Svedio oni provis teni la sameojn en ilia tradicia vivmaniero, sed tamen akcelis la instru-

## Printempa translokiĝo

Printempo estas. La sovaĝa ansero flugas norden. La sunvarmo fandas la neĝon sur la montetoj. La noktoj estas helaj. Ni baldaŭ translokiĝos.

Panjo bakas multon da pano. Alet lavas la vestaĵojn. Paĉjo kaj Rastus venigas la gregon. Ante estas kun ili.

Nun ni povas ekiri. Ni atendas kaj atendas la gregon. Sed ĝi ne venas. Ni manĝas kaj dormas. Dormas kaj manĝas.

Aŭskultu! Kio estas tio? La hundoj akrigas la orelojn. Ili aŭskultas. Tiam ili bojas. La boacaj sonoriloj ektintas: dingeli - dingeli - dingeli. La granda sonorilo sonas: rung - rung - rung. Nun venas la grego.

Ĉiu rapidemas. La sledboacoj estas prenataj laze. La ŝarĝitajn sledojn oni volvas per ŝnuregoj. La kovritajn sledojn oni ŝargas per manĝaĵoj. La tendosledo estas la lasta en la karavano de la boacoj, kiujn panjo pelas. Ante sekvas la gregon skie. Inga pelas malgrandan boacaron. Panjo tenas la bebon en ĝia lulilo en la nazo de sledo. Ankaŭ la plej juna boaco tie enestas.

(Ĉi-supre aperas traduko de la teksto sekvant-paĝa. Konantoj de la samea lingvo indulgu ĉiurilate, ĉar temas pri traduko el la germana, kies bazo estis ĉu la angla, ĉu la norvega!)

adon de la sveda lingvo. En Norvegio oni post asimila politiko nun pli observas la necesojn de la samea minoritato, tiel ke oni komencis prepari instruistojn por laboro en sameaj regionoj. La gepatroj povas postuli la samean lingvon kiel instrulingvon por la infanoj en la unua klaso, kaj poste oni instruas tiun lingvon kiel fakon. Plej malbona estis la situacio de la sameoj en Suomio: Tiu nur en 1917 el la fremda regado liberigita lando traktis la sameojn kiel samrajtajn ... suomianojn! Sed pensado pri la sameaj problemoj komenciĝis.

Por pliefektivigi la laboron por la propraj aferoj, precipe por povi procesi kontraŭ la respektivaj ŝtatoj, la sameoj kunlaboras, ankaŭ en la kontaktoj inter la arktaj popoloj kiel groenlandanoj kaj indianoj. Oni fondis centrojn en Kautokeino kaj Karasjok (Norvegio), Jokkmokk (Svedio) kaj Inari (Suomio).

Dirk Willkommen

Giđđa-jåttin.

Giđđa læ. Čuodnjágat båttet davás.
Bæi'vi lig'ge nu atte muotta
sud'dá luok'ká-viltiin. Iddja læ
čuov'gat. Mii ái'got farga jåt'tát.

Æd'ni lái'bo ållo láibiid. Álet bassala
bik'tasiid. Áč'či ja Rástuš gal'gaba
viež'žat ælo. Án'te læ fáros.

Dál mii læt ger'gusat. Mii vuor'dit
ja vuor'dit ælo. Muttu ii ællo boađe.
Mii bårrat ja oađđit. Oađđit ja bårrat.

Gula! Mii dat læ? Bædnagat skåč'čejit belljiid.
Dat gul'dalit. De cieládit sii. Båc'cu-biellot
skillet: Diŋŋeli - diŋŋeli - diŋŋeli.
Stuorra-biel'lo roabaida: Ruŋ - ruŋ - ruŋ.
Ællo dat boattá.

Buokkain læ hoap'po. Hærgit njoarustuvvujit.
Rái'do-gerresat gár'rujit. Låk-gerresat læt
dievva bårramušain. Goatti-geres læ
maŋimusas ædni ráidos.
Án'te čuoi'gá ælo maŋis.
Iŋgás læ unna ráiduš.
Ædnis læ gietka-mánná
geres-njunis. Dåbbe læ
unnimus viel'páš maid.





Paĝo el samea legolibro

# KIAL ESTI SAMEO?

La problemoj de la minoritatoj, ĉefe de la popoloj kiujn kovris ekspansia eŭropa civilizacio, ofte estas nur malbone komprenataj de aliaj personoj. El ekstera vidpunkto oni ofte trovas neniun aŭ nur misan komprenon pri la interplektitaj sociaj kaj psikaj fenomenoj kaj la pri la malfacilaĵoj rezultantaj. La sekvonta resumo de artikolo de Nils Jernsletten el vidpunkto de aktiva membro de la samea popolo eble donos imagon pri la komplekso. Kiel bazo servas la germana traduko el la nov-norvega lingvo, kiun faris V. Tams Jörgensen por la gazeto "Nordfriesland".

La demando "Kial esti sameo?" certe ŝajnas iom stranga al ne-sameoj, kiel Jernsletten diras komence de sia pripensado. Sed por sameo ĝi estas problemo, ĉar dum generacioj oni traktis la sameojn tiel ke estiĝis inter ili la firma kredo, ke ili kaj ilia vivmaniero estas io duaranga. Logikaj argumentoj malfacile helpas kontraŭ tiu kredo enradikiĝinta dum pluraj generacioj, kaj la kreo de nova konscio nur malrapide povas progresi. Unue oni provis "civilizi" la paganojn, poste norvegigi ilin, kaj nun oni volas asimili ilin en la norvegan modernan socion. Tiuj intencoj estis ĉiam memkompreneblaj, neniam oni pensis pri argumentoj por tiu agado. Ĉion kion la sameoj faras, ĉiam kiam ili argumentas, ili tion faras el defenda pozicio, kiu formis la homojn, la pensojn kaj la agojn. La volo savi parton de la samea kulturo kaj de ties socia fono en la modernan socion, ĝenas la norvegojn kaj la asimilitajn sameojn, ĉar ĝi kaŭzos problemojn: maltrankvilon, socian moviĝon, kaj ĝi kostos monon al la oficialaj instancoj. Oni argumentas ke tia volo estas malreala kaj reakcia. Aliflanke la sameaj entuzi-

asmuloj ne volas rimarki ke integra, ne ŝanĝiĝinta samea kulturo ne plu ekzistas. Ankaŭ la samea kulturo evoluis, interalie pro la influoj de ekstere.

Ne malgranda parto de la sameoj vivtenas sin laŭ tradiciaj vojoj: Ili uzas la naturajn fontojn kiel ĉasistoj, fiŝistoj, bredantoj de boacoj kaj malgrandaj farmistoj. Nur nun mono pli kaj pli fariĝas ekonomia bazo, ĉar la modernajn laborilojn kaj transportilojn oni devas pagi per mono iel perlaborita. Por tio oni vendas la produktojn de la naturo kiel felojn, viandon, berojn, arktajn birdojn, salmon kaj aliajn fiŝojn, produktojn de hejma laboro el ligno, ostoj, felo ktp. La oficialaj instancoj komprenis ke tio ne povas esti daŭra rimedo kaj ili do permesas la vendadon de la tradiciaj naturaj posedaĵoj de la sameoj - la tereno kaj la akvo - al la turisma industrio ... sed la profito ne iras en la poŝojn de la sameoj, sed al la turismaj agentejoj en la sudo.

Laŭ oficiala vidpunkto la tereno, kiu vivtenis la sameojn dum jarmiloj, apartenas al la ŝtato kaj oni permesis al la sameoj ĝin uzi dum neniu alia interesiĝas pri ĝi. Persona proprieto je tereno estis nekonata al la sameoj.

La vivnivelo de tiu popolo estas relative malalta. La danĝera mizero de la vintro 1967/68 vere efikis kaŭzante atentemon en Norvegio. Tamen ĝi pli interesis kiel temo por la norvegaj radio kaj televido, kaj ĝi estis bona okazo por la homoj montri sian bonkorecon kaj sendi vestaĵojn kaj aliajn objektojn al la sameoj. Multaj sameoj efektive bezonis tiun helpon, sed tiu mizero aldone malaltigis la memfidon de tiu malgranda etno.

La instancoj de sociala ŝtato ne povas pretervidi tiajn problemojn kaj oni pensis longege, faris analizojn, intertraktadis kaj malrapide komencis agi, sed ĉu laŭ la veraj bezonoj de la sameoj? Kial oni ne turnis sin al la sameoj kaj iliaj organizoj? demandas Jernsletten.

Oni helpas per edukado al profesioj kiujn la sameoj ne povas praktiki hejme, do oni elĉerpas la samean popolon je junaj fortoj kaj fremdigas tiujn ĉi. Tiuj junaj fortoj poste ne laboras en la ĉirkaŭaj urboj, sed provas forlasi la nordon, kie ili restas ne plenrajtaj, t.e. sameoj, kaj ili provas mergiĝi en la sudo.

La norvega lernejo ne adekvatas por la sameaj infanoj, tiel ke malsukceso jam estas enprogramigita, kaj ĝi detruas la memfidon de la sameoj. La lernejaj libroj, la amaskomunikiloj, kiujn la sameoj utiligas, vidas la mondon kaj la sameojn per norvegaj okuloj, kio fremdigas la sameojn plue al si mem. La konscio pri la valoro de la propraj aferoj perdatas. Ne sameo parolas al sameo, sed oni parolas pri sameoj tra la kanaloj de oficialaj komunikiloj.

Ŝajnaj sukcesoj de la norvegigo de la marbordaj sameoj, en vero, estas nur eksteraj: Tiuj homoj aspektas norvegaj laŭ vestaĵoj kaj eksterdome parolas norvege, sed interne kaj hejme ili restas sameoj kun la detrua efiko de tia vivo. La oficialaj instancoj bazas sian analizon sur la eksteron ("tiuj homoj ne plu estas sameoj") kaj agas laŭ tiuj "ekkonoj".

La historio, kiu kunkaŭzas la identiĝon de homa grupo, estas norvega historio, sameoj ne havas historion, almenaŭ neniun kiu taŭgus por libroj: Ili nek estis vikingoj, nek prirabis monaĥejojn, nek faris religiajn malpacojn, nek vendis sklavojn, nek pentris bildojn, nek verkis romanojn.

La nova plia akcentado de la samea lingvo en la lernejo kaj plia traktado de sameaj aferoj, veraj plibonigoj, bedaŭrinde renkontas la timon de la sameaj gepatroj koncerne la estonton de la infanoj en la norvega ĉirkaŭo. Ili ofte timas ke la infano eble ne estos sufiĉe adaptita al la socio por povi vivteni sin.

Jernsletten demandas sin: Kio estas samea? Unue temas pri sento. La aŭtoro trovis jenajn tipojn de sameoj iom ĝeneraligitajn:

1) tradicia sameo, kiu simple estas sameo sen pripensi tion kaj kulturajn

problemojn;
2) pasiva sameo, kiu asimiliĝas "por iri kun la tempo";
3) sameo, kiu aktive volas norvegiĝi opiniante ke la samea kulturo estas malmoderna romantikaĵo ne permesebla apud modernaj edukado kaj vivmaniero;
4) partiano de vera same-kulturo, kiu agnoskas la valorojn de la samea povantajn pliriĉigi la norvegan kulturon;
5) samea aktivulo, kiu neas asimiliĝon, deziras aktivan politikon por la konservado de valoroj, kiuj havas signifon por la sameoj.

La lasta tipo - tiel konstatas Jernsletten - plej malfacile povas argumenti pri sia starpunkto. Li nur povas diri: "Mi volas esti sameo, ĉar mi estas tio."

Dirk Willkommen



Sameetoj en sia lernejo en Karasjok

# SAMESKOLAN-EN BLUFF?

SAME-LERNEJO - ĈU BLUFO ?

Sub tiu ĉi titolo skribas Mikael Svonni, instruisto en same-lernejo, en la revuo "Invandrare och Minoriteter". Li akuzas la lernejon por sameoj en Svedio, ke ĝi havas nur la nomon de samea lernejo, sed fakte estas lernejo de lingvoŝanĝo por helpi asimiliĝon de la sameoj en la svedan socion.

Svonni kalkulas proksimume 2o.ooo sameojn en Svedio, kaj 2.5oo - 3.ooo el ili devus esti en aĝo de unuagrada lernejo. Ses lernejoj ekzistas por sameoj en Svedio: en Karesuanda, Lannavaara, Gällivare, Jokkmokk, Tårnaby kaj Ånge. La sameoj povas elekti: Aŭ ili sendas la infanojn en la municipan aŭ en la por-samean lernejon. Sed vere ne temas pri alternativo: La same-lernejo ofte estas tre for de ilia hejmo kaj ne prezentas diferencon. Ĉar en ambaŭ lernejoj la infanoj lernas la samean lingvon kiel "fremdlingvon", kaj la instrulingvo estas la sveda. Nur du horoj semajne estas dediĉitaj al la samea. La infano, kiu unuan fojon venas en la lernejon, renkontas ne nur novan ĉirkaŭon, novajn vivkondiĉojn, sed plej ofte samtempe novan lingvon ne komprenatan. Ĝi lernas legi kaj skribi en fremda lingvo, se ĝi entute sukcesas sub tiaj kondiĉoj. Ĝi tute ne scias kion ĝi faras, ĉar ĝi ne komprenas la instruiston kaj ne povas komprenatiĝi sin al li. La propra lingvo estas forpuŝita per la diro ke "ĝi ne taŭgas". La propra lingvo, tiu de la hej-



Elementa lernejo en Karasjok

mo, "mia lingvo, la lingvo de miaj gepatroj" estas maltaŭga; taŭga estas la sveda, ĝin oni lernas skribi kaj legi, ĝin uzas la instruistoj kaj la lernolibroj.

Nur malmultaj el la instruistoj estas sameoj, la aliaj ofte tute ne aŭ nur malbone scipovas la samean lingvon, eĉ la instruistoj por la duhora instruado de la samea lingvo! En la kvara lernojaro aldoniĝas la angla lingvo kun sama nombro da horoj kiel la gepatra, kaj en la kvina kaj sesa lernojaroj ĝi superas la samean lingvon per du horoj. La instruistoj mem decidas kiom instrui pri samea kulturo kaj vivo, pri kiuj ili ofte ne scias multon, kaj la manko de instrumaterialo kaj metodiko ne grandigas la eblecon kaj emon tiukampe instrui.

Svonni konstatas ke ne sufiĉas belaj vortoj kiuj ne devigas fari vere samean instruadon kaj ke postulendaj estas <u>konkretaj</u> agadoj:

1) La same-lernejo devas fariĝi samea kaj devas <u>reale</u> agi laŭ la bezonoj de la sameoj.
2) La instruistoj en la same-lernejo devas esti kompetentaj; oni devas tuj komenci adekvate prepari ilin mem.
3) La instrumaterialoj devas pliboniĝi.
4) Oni devas krei superan sektoron de lernejoj, gimnazion, por sameoj.
5) Sameaj instruistoj estas edukendaj kaj pliklerigendaj.
6) La sameoj devas mem gvidi la same-lernejon.
7) Oni devas ebligi samean alternativon en multkultura Svedio, tiel ke la samea lingvo estu samrajta kun la sveda.

"Se oni ne komencas konkretajn paŝojn, la sameoj mortos kiel popolo en Svedio."

**Dirk Willkommen**

<u>Bibliografiaj notoj</u>


1. Asbjörn Nesheim: Über die Lappen und ihre Kultur; Oslo, 1964.
2. Sigurdur Nordal (eld.): Egils saga Skalla-Grímssonar; Rejkjaviko, 1933.
3. Kjell Fjørtoft: Bitter påskehilsen fra Finnmarksvidda; taggazeto "Dagbladet", Oslo, o6.o4.1974.
4. la sama: Vi samer kan ikke løpe fra vår bakgrunn; "Dagbladet", Oslo, o6.o4.1974.
5. Harald Haarmann: Soziologie und Politik der Sprachen Europas; München, 1975 (dtv WR 4161).
6. Erik v. Hertzen: Minoritato en kvar regnoj; "Etnismo", Stolberg, n-roj 5 (p. 13/14) kaj 6 (p. 4 - 6) de 1o.12.1973 resp. o1.o6.1974.
7. la sama: Novaĵoj el Laponio; "Etnismo", n-ro 7 (p. 7) de 15.11.1974.
8. la sama: De la situation linguistique des Lapons; "La Monda Lingvo-Problemo", Hago, n-ro 14 (p. 65 - 78).
9. Peter Janz: Die letzten Nomaden Europas. Lappen auf dem Rückzug - wohin? "Nationale Minderheiten in Westeuropa. Streben nach Mitsprache und Selbstbestimmung" (Schriften der Bundeszentrale für politische Bildung), Bonn, 1975, p. 61 - 64.
1o. Nils Jernsletten: Warum Same sein? "Nordfriesland", Bredstedt, n-ro 38/39 (p. 89 - 99), 1976.
11. Carl von Linné: Lappländska resa; Stokholmo, 1969.
12. Kjell Lundholm: Stenålder vid Polarcirkeln. Om Jokkmokks förhistoria; Luleå, 1969.
13. la sama: Jokkmokk marknad; Luleå, 1974.
14. Israel Ruong: Samerna; Stokholmo, 1971 (2-a eld.).
15. Manfred Straka (eld.): Handbuch der Europäischen Volksgruppen; Wien/Stuttgart, 197o.
16. Lars Svonni (red.): Samerna. Ett folk y fyra länder. Stokholmo, 1974.
17. Mikael Svonni: Sameskolan - en bluff? "Invandrare och Minoriteter", Johanneshov (Svedio), n-ro3/4 (p. 22 - 25), 1977.
18. V. Tams Jörgensen: Ein Volk im hohen Norden; "Nordfriesland", Bredstedt, n-ro 38/39 (p. 85 - 88), 1976.
19. la sama: Das Samische Institut. Sámi Institut'ta; "Nordfriesland", Bredstedt, n-ro 38/39 (p. 99 - 1o1), 1976.

ASOCIO INTERNACIA POR LA DEFENDO DE LA MINACATAJ LINGVOJ KAJ KULTUROJ
(A.I.D.M.L.K.)

# ĈARTO DE LA RAJTOJ DE LA ETNAJ MINORITATOJ

Artikolo 1 La diversaj etnaj, lingvaj aŭ religiaj komunumoj same kiel iliaj anoj ĝuas la samajn rajtojn sine de la ŝtato. Neniu rajtas esti diskriminaciata, ĉu jure, ĉu fakte, pro sia aparteno al minoritato.

Ĉia incito al etna aŭ rasa malamo estas delikto.

Artikolo 2 La ŝtato devas konsenti al ĉiuj indiĝenaj etnaj kaj lingvaj komunumoj la publikjuran personecon.

Artikolo 3 Se la etna minoritato troviĝas en kompakta teritorio, ĝi ricevas teritorian aŭtonomion kaj disponas same pri kulturaj kaj pri ĝenerale publikaj kompetentecoj. Oni atentos eventuale certajn enklavojn.

En la kazo ke la limoj de la etna minoritato ne estas klare difinitaj, ekspertaj komisionoj kaj arbitraciaj komisionoj konstatos ilin.

Se temas pri etna komunumo minoritatiĝinta en sia tradicia teritorio aŭ pri disa etna komunumo, persona aŭtonomio devas esti konsentita al ĝi. Tiu ĉi enhavas la plenajn kulturajn kompetentecojn kaj konvenan partoprenon en la komunaj organoj administrantaj la publikajn aferojn.

Artikolo 4 La etna minoritato libere ellaboras sian publikjuran statuton en la kadro de la konstitucio de la ŝtato. La funkciado de la minoritata statuto ne estas submetita al la kuratorado de la ŝtato kaj ĝi estas metita nur sub la kontrolon de la tribunaloj. Tiu ĉi kontrolo koncernas la demandon pri laŭleĝeco kaj ekskluzivas la prijuĝon de la oportuneco.

Artikolo 5 (1) La etna minoritato libere organizas la edukadon kaj la kulturan kaj profesian formadon de la enloĝantaro. Ĝi administras aŭtonome la buĝeton kiu estas atribuita al ĝi.

(2) Ĝi disponas pri siaj propraj lernejoj en la diversaj sektoroj kaj gradoj de la instruado inkluzive de la porinstruistaj akademioj.

(3) La samvaloreco de la diplomoj akiritaj en samlingvaj universitatoj devos esti agnoskita sen limigo.

(4) En la infanvartejo la uzata lingvo estas la lingvo de la etno. En la unua kaj dua gradoj minimume la duono de la kursoj estos donata en la lingvo de la etna minoritato. La historio, la kulturo de la etna minoritato kaj la regiona ekonomio devige estos en la instruprogramoj.

(5) La etna minoritato organizas kaj administras siajn proprajn socialajn, kulturajn, hospitalajn, sportajn, religiajn ktp. instituciojn. La etna minoritato organizas siajn proprajn radio- kaj televido-elsendojn.

Konsidere de la malforteco esence propra al la minoritateco konvenas favori, per esceptaj rimedoj, la eldonadon, la gazetaron, la kinon, la disko-industrion, la akademiojn, la muzeojn kaj ĉiun alian kulturan esprimiĝon de la etna minoritato.

Artikolo 6 La administracio kaj justico estas unulingvaj en la lingvo de la etna minoritato aŭ dulingvaj, se la lingvo de la ŝtato estas parolata fare de sufiĉe grava parto de la enloĝantaro de la teritorio de la etna minoritato.

La anoj de la etna minoritato devas havi la rajton direkti sin en sia lingvo al la superaj administraciaj kaj justicaj instancoj de la ŝtato.

Artikolo 7 La publika servo de la etna minoritato estas rezervita prioritate al la minoritatanoj. La funkciuloj ne apartenantaj al la etna minoritato devas posedi fluan konon de ĝia lingvo.

En la publikaj servoj de la ŝtato funkciantaj en la teritorio de la etna minoritato, la proporcio de la funkciuloj devenantaj el la minoritato devas respondi al la efektiva distribuo de la etnaj grupoj.

Artikolo 8 La etna minoritato estas reprezentata, proporcie al sia nombra graveco, en ĉiuj asembleoj elektitaj, ĉu ŝtataj, ĉu internaciaj. Ĉiu etna minoritato, kia ajn estas ĝia nombra graveco, havas la rajton je minimume unu reprezentanto en la ŝtataj asembleoj.

Artikolo 9 (1) La anoj de la etna minoritato havas la rajton libere moviĝi en la teritorio de la ŝtato, tie ekloĝi kaj laŭplaĉe forlasi ĝin. Se ili estas publikaj funkciuloj, ili ne povas esti translokitaj ekster la teritorion de sia etna komunumo sen sia konsento.

(2) La anoj de la etna minoritato devas plenumi sian arme-servon en la teritorio de la minoritato kaj en taĉmentoj de sia lingvo.

Artikolo 10 La anoj de la etna minoritato kaj iliaj publikaj aŭ privataj organizoj povas havi ĉiajn kulturajn rilatojn kun la samlingvaj enloĝantoj ekster la teritorio de la ŝtato. Ili povas ankaŭ havi ĉiajn rilatojn kun la aŭtoritatoj reprezentantaj tiujn enloĝantojn.

Artikolo 11 La personoj kaj organizoj de la etna minoritato havas la rajton individue aŭ kolektive apelacii al la tribunaloj de la ŝtato kaj al la internaciaj tribunaloj.

Artikolo 12 (1) La ŝtatoj estas devigitaj certigi al la anoj de la etna minoritato surlokan laboreblecon kaj akceli iliajn profesiajn kaj ekonomiajn aktivecojn.

(2) La evoluigo de la ekonomio ne rajtas havi kiel sekvon la dronigon etnan de la minoritato fare de la enloĝantoj de alia etna komunumo.

(3) La establado aŭ kreskado de la turismo-industrio same kiel la vendado de terenoj, kun karaktero de eksproprietigo por la anoj de la etna minoritato, estos submetita al la kontrolo de la kompetentaj instancoj de la minoritato.

Artikolo 13 La etna minoritato loĝanta en kompakta teritorio situanta ĉe la ter- aŭ marlimoj de la ŝtato rajtas libere disponi pri si mem, inkluzive de separiĝo. La ŝtato devas disponebligi demokratajn procedurojn kiuj permesas ĉiumomente la aplikon de la rajto je memdeterminado. Tiu ĉi rajto ne preskriptiĝas kaj ĝia apliko povas ripetiĝi laŭ iniciato de la enloĝantoj mem. La procedoj estas metitaj sub internacian kontrolon kaj povas esti temo de apelacio antaŭ internacia tribunalo.

Châtillon, Aosta Valo, la 25-an de julio 1976

---------------------------------------------

Notoj

(1) La ĉi-supra teksto estas traduko el la franca lingvo.

(2) La franca originalo de tiu ĉi Ĉarto estis akceptita fare de la partoprenantoj de la AIDMLK-kongreso en Châtillon.

(3) La bazo de tiu ĉi Ĉarto estas teksto verkita de Guy Héraud okaze de la AIDMLK-kongreso de Ustaritze (norda Vaskio), en 1974. Tiu bazo estis pli-malpli vaste diskutita inter la membroj de 1974 ĝis 1976 kaj dum la kongreso en Châtillon.

(4) La ĉi-supra traduko en la Internacia Lingvo ne havas oficialan valoron.

# LA FRIULA LINGVO

En Friulo ĉiam ekzistis la bezono reveni al homa mezuro adekvata al la aŭtentika individueco de la friula popolo kaj de ties animo. En la nuna klopodego koncerne la rekonstruon de la lando tiu ĉi bezono reaperas en sia tuta, problemoplena aktualeco. La friulanoj scias ke tiu ĉi jaro - la 900-a post la fondo de "Patrie dal Friûl", t.e. de la friula nacia ŝtato - estas historia okazo, kiu inkluzivu ankaŭ la problemon de ilia lingvo. Estas nepre necese insisti kaj aldoni pliajn lingvistikajn, historiajn kaj sociologiajn pruvojn por subteni la pravan strebadon de tuta popolo celantan la agnoskon de la propra lingvo kaj por rifuti ĉian kontraŭan argumentadon.

La unua atenco kontraŭ la friula lingvo estas atribuenda al la enloĝantoj de la mezepokaj urboj, kiuj emfaze volis diferenciĝi de la kamparanoj per alia lingvaĵo. La lasta atako venas de la hodiaŭa sistema malakceptado de la friula lingvo inter certaj tavoloj de la socio. Tio ĉi kompreneble okazas plezure de ne sentema centra administracio, kiu kutimas malfortigi la konscion de la etnaj kaj lingvaj minoritatoj.

La socia, ekonomia, kultura kaj politika reflorado de la friula popolo ne povas neglekti la savon kaj plivalorigon de la propra lingvo. La kontraŭuloj de tia plivalorigo asertas ke la friula lingvo estas nekapabla esprimi modernajn enhavojn, ke ĝi estas malfacile skribebla, ... ke ĝi estas nura dialekto! Ŝajnas ke oni reaŭdas la argumentojn de la francaj kolonipolitikistoj en Alĝerio. Por persvadi la alĝerianojn ke ili forgesu sian lingvon, la francoj asertadis ke la araba lingvo jam estas neadekvata, nur mezepokeca kaj ĉiukaze niatempe sensignifa!

Oni ne scias ekzakte kiom la francoj nuntempe elspezas por lerni la araban lingvon pro kulturaj kaj ekonomiaj celoj, t.e. pro modernaj celoj en la plej aŭtentika senco de la vorto. Sed oni scias ke la alĝerianoj ne kredis la franclingvismajn teoriojn: Ili postulis agnoskon de la valoro de sia lingvo. Juĝante laŭ la frekventado de kursoj pri araba lingvo, la sukcesoj laŭdire estis kontentigaj - ne nur en Alĝerio.

La friula estas romanĉa lingvo kaj agnoskita kiel tia fare de la lingvistoj. Oni ĉiam uzis kaj daŭre uzas ĝin skribe: Sola la "Societât Filologjche Furlane" eldonis 12.000 titolojn. Ja direblas ke la friula ne estas progresinta lingvo en tekniko, kaj tiu ĉi argumento estas diskutenda. Ĉiuj samopinias ke la friula iĝu lingvo utila en la vivo. Tiucele sufiĉas apliki la modernajn kulturvortojn!

La grandaj modernaj naciaj lingvoj estis iam dialektoj. La itala estis la "vulgara lingvo" en Florenco, la franca estis la parolformo de Parizo. Neniu kulturvorto dekomence apartenis al tiuj lingvoj, kiuj transprenis la gravajn vortojn "prunte" precipe el la greka kaj latina. Ĉiuj scias ke terminoj kiel "hepatito", "filozofio", "literaturo" kaj "rektoro" antaŭ 600 jaroj estis absolute nekonataj al la parizaj metiistoj, al la hamburgaj komercistoj kaj al la toskaniaj kamparanoj. La fakto ke tiuj vortoj estis fremdaj, ne ludis rolon: Ili estis poste transprenitaj en la propran lingvon. Tiaj terminaj injekcioj permesis al tiuj parolformoj transformiĝi en modernajn kaj efikajn instrumentojn por kompreni la mondon kaj por memstariĝi.

Tiu ĉi aserto meritas plian kredindan pruvon. Ĉi-rilate profesoro Mario Pei de la "Columbia University" skribis koncerne la francan lingvon en sia verko "Historio de la lingvo": "En etimologia vortaro, en kiu estas listigitaj 4.635 vortoj, ni konstatas ke ili devenas jene:

2.028 el la latina,
925 el la greka,
604 el la germana,
154 el la angla,
96 el la keltaj,
285 el la itala,
119 el la kastilia,
146 el la araba,
36 el la hebrea,
25 el la slavaj,
34 el la turka,
99 el aziaj,
62 el amerikaj,
10 el la portugala,
6 el afrikaj,
4 el la madjara,
2 el aŭstraliaj kaj polineziaj lingvoj."

**Ĝustas la kalkulo!**

Ĉiutage la homo transformas milionojn da plantaj kaj bestaj ĉeloj per digestado favore al sia propra korpo. Dank' al dio, neniu havis la ideon kontraŭi tiujn plantajn kaj bestajn ĉelojn per la argumento ke ili estas elementoj fremdaj al la homa korpo. Same neniu kontraŭu pruntitajn vortojn kaj lingvo-osmozon! Tia kontraŭstaro signifus, por la spirita evoluo de la friula popolo, plian obstaklon anstataŭ protekto kontraŭ tiuj multaj minacoj persekutantaj ĝin.

Ĉi-teme ni disponas pri multaj gravaj ekzemploj kaj necesas mencii la italan sperton de la 17-a jarcento, pli konatan kiel la "lingvo-demando". Grupo da erudiciuloj, inter ili ankaŭ la fama Verri, en Milano efektivigis imponan kaj eksterordinaran proteston kontraŭ la rigideco diktita, de certa tempo, al la itala lingvo fare de la vortaro de la "Accademia della Crusca". Notario estis vokita, kaj li verkis notarian dokumenton, en kiu oni deklaris la formalan malakcepton de la limigoj de la Crusca-vortaro. Tiu atestilo plikonatiĝis sub la nomo de "Notaria Rezignodeklaro pri la Vortaro de la Crusca".

Ni ne volas kritiki aŭ malgrandigi la klopodojn kaj sukcesojn de la "Friula Filologia Societo", kiu ja estas la vera akademio de la friula lingvo. Tamen ni celas konstatis la limojn de tiu ĉi societo, kies influo al la popolo estas malgranda. Dum la kodigo de la friula skribo laŭ la fundamentoj de Marchetti estas aprezenda, male, montriĝas tute nesufiĉa la klopodo evoluigi la friulan lingvon en kampoj, en kiuj ĝi devas montri siajn kvalitojn per konstanta utiligado.

Konvenas atentigi la kontraŭulojn de la enkonduko de la friula lingvo en la lernejojn kaj en la amaskomunikilojn pri jeno: Se la historio estas laŭcirkla moviĝado, tiuj kontraŭuloj vidos ekfloron pli-malpli baldaŭan de tiuj simplaj dialektoj tiom malaprezataj; se, male, la historio moviĝas rekte, ili trovos sin, okaze de la unua politika renovigo aŭ okaze de la sekvanta kultura falo, ie, sed certe ne sur la ĝusta vojo, ĉar tiu ĉi apartenas nur al la konsekvencemo konforme al la propra identeco.

NERIO DE CARLO, Milano

---




La KONGRESO DE LA KATALUNA KULTURO (KKK), iniciatita en januaro 1975 kaj malvolviĝinta per grandega nombro da plej diversaj seminarioj, prelegoj, diskutoj kaj manifestacioj dum 1976 kaj ĉefe 1977, atingis la finon de sia unua etapo: La 27-an de novembro 1977 la ŝtupo de komenca mobilizado de la popolo kompletiĝis per solenaĵo en la kongrespalaco de Barcelono. Ĝenerale oni konsideras ĉion faritan kiel bazon por la aŭtonomio.

---

**ETNISMO** **INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ**

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim Moritz, Feldstr. 38, D-5190 Stolberg 8 (FRG), tel.: 49-2402-72336, poŝtĝirkonto: 232612-306 Hannover.

ETNISMO aperas 3 fojojn jare. Tiu ĉi estas la tria numero de 1977.

JARABONO (kalendara jaro): 8,-- gm (12 i.r.k.). Nepre ne sendu ĉekojn sen interkonsento kun la eldonanto! Evitu bankajn ĝirojn, ĉar ĝenerale bankoj subtrahas siajn kostojn el la ĝiraĵo.

Bonvolu atenti ke ETNISMO estas komplete privata afero de la eldonanto kaj neniel oficiala aŭ kvazaŭ-oficiala publicilo de la Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK).